III Jaro - XXXV Num.
★ Decembro.—1919 ★
★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

**Oficiala Organo :-: :-: :-**
**:-: :-: :-: de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj,,**



F-INO MARIA LUISA G. CAAMAÑO
Nacia Instruistino, sperta kaj entuziasma esperantistino klariganta kurson por fraŭlinoj en Huesca

# AL MIAJ LEGANTOJ

Jen mi je la fino de mia tria jaro kaj je la komenco de la kvara, dum kiu mi bezonos multe da zorgoj tial ke ĉio necesa al mi plikaŕiĝis; kaj pro tio mi devas plialtigi la kotizaĵon per kiu mi vivas, kiel faris preskaŭ ĉiuj revuoj kaj gazetoj esp., kaj eĉ mi esperas ke miaj subtenantoj klopodos multipliki sian nombron, por ke mi povu daŭrigi la rolon pro kiu mi venis al la'mondo de la Esperanta Gazetaro, starante firme sur mia postenejo. Mi esperas tion ĉar plej rozkoloraj horizontoj feliĉigaj anstataŭas la nigrajn kaj fajrajn.

Plena je espero, unue, preĝon kaj rigardadon al la MAJSTRO, kiu de la SENMORTECO ridetas nin kaj sendas al ni sian benon; poste, tutkoregajn bondezirojn, PACON KAJ AMON por la tuta HOMARO ĝenerale kaj speciale por la ESPERANTISTARO.

La kotizaĵo estas: KVAR pesetojn por enlandanoj; KVIN, por fremduloj, kian la subtenanto aliĝas al ZAMENHOFA FEDERACIO, ĉu ne, la kotizaĵo estas KVIN kaj SES pesetojn respektive.

---

# Rilatoj inter lernejoj por Esperanto

Nuntempe ĉe la unugradaj lernejoj oni konsideras grava afero la uzadon de ĉiuj instruigaj elementoj stimulantaj infanan sociemon, kaj plivastigantaj samtempe por la geinfanoj aron da konoj per plezurigaj rimedoj.

Oni ne povus trovi pli taŭgan kaj amuzan ilon, ol interrilatigi geinfanetojn el diversaj landoj, ĉar tiamaniere ne nur ili povas koni sin kaj ami sin reciproke, sed ankaŭ koni fremdajn sciindaĵojn kaj vidindaĵojn. Iom post iom, ili scius pri ĉefaj monumentoj de la mondo, pri rimarkindaj okazintaĵoj historiaj, pri kreskaĵaro kaj bestaro, pri industriaj progresoj, pri naturaj belaĵoj, k. t. p.

Lernejaj muzeetoj povos riĉiĝi per tiuj rilatoj, ĉar infanoj de kiu ajn lernejo facile atingos de siaj kamaradetoj fremdaj konkojn, mineralojn, foliojn, semojn, fotografaĵojn, naciajn fabelojn, literaturaĵetojn por la infanoj, k. c., k. c. Ĉu ĉi tio estas ebla? Jes, efektive: Antaŭtempe tio estis neeble preskaŭ, ĉar diversnaciaj lingvoj estis nevenkebla baro; sed hodiaŭ, dank' al Esperanto, la baro malaperas. Neniam plu ni devus cerbumi nin lernante fremdajn lingvojn per kiuj tiom da mokridoj ni gajnis tial ke ĉiam malbone ni esprimis niajn pensojn: Esperanto sin prezentas al ni malaperigante la baron facile kaj perfekte interrilati, kaj ĉi tio tiel perfekte kaj facile estas al ni kiel al geinfanetoj; tial ĝi ludos gravan rolon en la lernejoj, sub direkto de la geinstruistaro; kaj venontaj tempoj pli kaj pli pravigos nin pri ĝia utilo pedagogia.

Ne plu estos malfacila al kiu ajn infano, el kiu ajn lando, amuze konatiĝi kun gejseroj de Islandio, kun piramidoj de Egiptujo, kun akvofalegoj de l' Niagara, ken hindaj pagodoj... Bone kaj agrable li povos scii pri ĉio pere de Esperanto.

*María Luisa G. Caamaño*
Instruistino

Huesca.

---

Bone atentu pri kiel eble plej baldaŭa sendo de kotizaĵoj al S-ro ***Julio Mangada Rosenörn*** JACA (Huesca) *Hispanujo. Oni akceptas responkuponojn. Enlandanoj sendu la kotizaĵojn poŝtĝire.* VARBU SUBTENANTOJN.

---

Bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro.

# Impresoj de propaganda vizito al Huesca

Ĉiam celante disvastigi Esperanton, mi publikigis sur «El Diario de Huesca» (La ĵurnalo de Hueska) artikolaron pri nia lingvo, kaj ĵus aperis la dua artikolo, mi ricevis leteron de la entuziasma kaj sperta esperantisto en tiu urbo S-ro Roberto Maraury, kiu sciigis min, ke ankaŭ lia edzino kaj lia bofratino estas entuziasmaj esperantistinoj. Ankaŭ tuj mi ricevis leteron de nacia instruisto, S-ro Jozefo Artigas, ankaŭ entuziasma kaj sperta samideano. Sed li kaj familio Maraury ne sin konis ĝis kiam mi interrilatigis ilin. De la momento de la interkonatiĝo ili frate helpis mian propagandon kaj ni atingis interesigi la opinion publikan en tiu urbo.

Daŭrigante la propagandon persone kaj parole, S-roj Maraury kaj Artigas miris tial ke ili renkontis samideanaron dormantan, montrantan al ili esperantajn lernolibrojn, kaj vekita de tiuj, ĉiuj preparis mian konferencon en la salono de la Teknika Instituto.

Alveninte al Huesca kaj vizitante iujn el tiuj dormantaj samideanoj, mi multe miris, kaj mi spertis unufoje pli, ke Esperanto estas pli disvastigata ol ni mem povas supozi. Tiuj, jam vekitaj samideanoj, elmontris al mi sian fidon kaj sian entuziasmon pri nia kara lingvo, kaj ĉi tio elpruvas al ni, ke la tuta semo de ni disigita ne perdiĝis, ne putriĝis, ke ĝi forte ĝermos iam kaj rapide fruktiĝos. Ĉi tiu semo, kiu nun ĝermas abunde, estis ŝutata de polano hazarde alveninta al Huesca antaŭ ok jaroj, kaj kiu preparis dum unu jaro proksimume la firman bazon, kiu sukcesigis min; la firman bazon sur kiu restariĝos Esperanto en Huesca por neniam fali.

Ankaŭ mi spertis, ke estas necese konstantan propagandon kaj ke ĉi tiu propagando povas esti efektivigota eĉ de izolita samideano ĉu li havas fortan volon. kaj ke la sukceso estus nepre certa se oni obstine persistus; ke, por fari ĉi tiun propagandon, ĉiaj procedoj (mi parolas kompreneble ĉe indeco) estas efikaj ĉu tiu obstina persistado akompanas la propagandiston, kaj mi atentigas vin, ke la nuna tempo estas favora je ni. Tial, mi neniam laciĝos ekkriante: «Antaŭen! Ĉiam antaŭen obstine!

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# Esperanto-Kongresoj

## KVINA FINLANDA KONGRESO

Esperanto vekiĝas ĉie sed eble pli frue kaj forte en Finlando. En Helsingfors, je la 19-21.ª aprilo ĵus pasinta, la unuan fojon de post la terura jaro 1914, proksimume 170 personoj kunvenis el 28 lokoj, kaj al la ĉeestantaro apartenis 10 blinduloj uzantaj perfekte Esperanton.

Malfermis la Kongreson magistro V. Anttila per parolado plena je entuziasmo. Raporto pri lastaj kvin jaroj estis aperinta en la kongreslibro; per ĝi la Sekretario, S-ro Setala, rimarkigas la gravajn faktojn kaj la favoron de la Finlanda publiko por nia lingvo; sed ke, malgraŭ tio, la propagando devas esti pli intensa por profiti efike la publikan simpation por Esperanto, kaj tial organizi kursojn kaj konstantajn paroladojn Oni proponis eldoni grandan revuon por diskonigi Finlandon eksterlande, por kio elmetis liston kolektantan monrimedojn, listo montranta je la fino de la Kongreso pli ol 4000 markojn.

Sed rimarkindegan impreson kaŭzis parolado de blindulino F-ino Ada Pyntto, ĉar ŝi mirigis la ĉeestantaron per la flua kaj korekta dirmaniero esperanta. Ŝi diris, ke blinduloj estas popolo por si mem, sen propra lingvo; sed, dank' al la Majstro, venis Esperanto kaj la blinduloj de la tuta mondo fariĝis vera popolo, kies organo «Esperanto Ligilo» estas. Fine ŝi legis originalan sian poeziajon.

Oni elektis S-ro Hj. J. Runeberg, honora

prez., S-ron G. J. Ramstedt, prof. ĉe la Helsingforsa universitato, prezidanto de la asocio Finlanda; kaj S-rojn Leo Jalava, V. Anttila, F. Sandstrom, S. Anttila, H. Salokannel, R. Bergroth, K. Setala, H. Eckstrom, H. Patiala kaj F-inon A. Sandstrom, ceteraj estranoj.

Plej grava demando de la tagordo estis tiu pri Instituto Esperanta, kun ĝia Oficejo, kun multenombraj instruistoj, por kursoj kaj ekzamenoj, dononte diplomon kaj ĉion rilate nia lingvo. Esperanta Oficejo jam funkcias.

Lastan matenon de la Kongreso, post ekskurso al Huopalahti-Haga, la kongresanoj ĉeestis la unuan Finlandan diservon Esperantan, kiu altiris grandan publikamason, proksimume 600 personoj, kaj kiu forte impresis ilin ĉar ĉi tiuj bone atentis la belsonecon de nia lingvo parolita de pastroj V. Forsman kaj H. Patiala.

Estis finita la Kongreso post paroladoj kelkaj, kanto «La Espero» kaj Finna himno «Nia lando».

Dum la Kongreso estis ankaŭ kunveno pri U. E. A., en kiu oni elektis Delegitojn kaj paroladis pri neceso subteni ĉi tiun internacian asocion.



## DEKKVARA SKOTA ESPERANTISTA KONGRESO

La 28.an kaj 29.an de junio, jus pasinta, okazis ĉi tiu Kongreso ĉe la Universitato de Glasgow. kiun ĉeestis pli ol 200 personoj. Ĝi plensukcesis, kaj favora je tiu ĉi sukceso estis la loko en kiu okazis ĝi sub prezido de la vicprezidanto de la Glasgova Eduka Aŭtoritato, dum la vespera kunveno, ĉeestata de kvin alilanduloj.

D-ro J. Boyd Primmer, prezidis ĝeneralan kunvenon kaj rimarkigis per elokventa parolado, ke Lingvo Internacia estas nepre necesa por la Ligo de Nacioj, ke L. I. donos plej bonan komprenon al homoj, ke L. I. estas grandvalora por la komercistoj, ke tiu lingvo estas Esperanto, kaj ke Esperanto donis bonegajn rezultatojn per sia instruado oficiala en Skotlando.

Oni faris paroladon pri sukceso de Esperanto en Lancashire kaj Cheshire, pri B. E. A., pri Eklezia Esperanta Ligo, pri valora efiko de Esperanto por la laboristoj kaj pri nia lingvo rilate skoltoj.

Oni okazigis vesperan publikan kunvenon propagandan kaj komerton. D-ro Jonh Smith, vicprez. de la Glasgova Eduka Aŭtoritato favore paroladis pri Esperanto, kaj post li, alternante kun kantoj, paroladis iuj gesamideanoj.

Dimanĉon, oni vizitis vidindaĵojn kaj ĉeestis diservon tute en Esperanto, en kiu predikis pastro J. Beveridge.



## JARKUNVENO DE LA SVEDA ESPERANTO-FEDERACIO

Dum Pentekosta festo ĝi okazis en Stockholm. Post vizito al ekspozicio, S-ro Paul Nylen, prez. de la Federacio, malfermis la kunvenon kaj donis bonvenon al la ĉeestantoj, kiuj estis kvardek el diversaj urboj.

Elektitaj S-ro Nyle kaj aliaj por la postenoj de la Kongreso, paroladis la reprezentantoj de diversaj lokoj transdonante salutojn. La prez. interesigis ĉeestantaron rakontante pri la Esperanta movado en Svedujo, speciale je 1890 kaj legis svedan tradukon de «La Espero».

Oni pritraktis organizon de la federaciaj delegitoj, kiuj estas dekses el dekses lokoj el Svedujo kaj unu el Finlando; ankaŭ pri grava temo, pri la oficiala organo «La Espero». Pri ĉi tiu afero, oni decidis translokigi el Gavle al Stockholm la presadon de la gazeto, kaj fondi en tiu ĉi urbo Esperantan Oficejon por la gazeto, por la Federacio kaj por la entrepreno Eldona Societo Esperanto. La estraro, laŭ ĝenerala decido, fiksos

daton kaj lokon por la venonta kongreso kondiĉe ke ĝi okazu en Svedujo antaŭ la II.ª Skandinava.

La prezidanto atentigis pri la malavara mondanaco, 500 kr., de la vicprezidanto W. Wahlund. Oni decidis: gratuli telegrafe okaze de fianĉiĝo de la tre estimindaj blindaj geesperantistoj S-ro H. Thilander kaj F-ino K. Hojer; inviti kun Dana kaj Norvega Finlandan Sp. Asocion por ke ĉi tiu Asocio sin reprezentigu en la Skandinava propaganda Konsilantaro, kiun starigis la I.ª Kongreso Skandinava.

Oni diskutas manieron intererigi la Svedan komercistaron pri Esperanto, kaj starigon de Centra Oficejo Esperanto en Svedujo.

Okazis ŝipekskurso al Skarsatra. Fine, kunveno en ĝardenkafejo, en kiu viduloj kaj blinduloj rakontadis pri pasintaj okazoj esperantistaj, elmontrante grandan entuziasmon fervoran, plena je esperoj, certa je triumfo definitiva.



## KONGRESO DE LA SVISA ESPERANTA SOCIETO

En Luzern, je la 28 de septembro, sub prezido de D-ro Schacht, okazis ĉi tiu kongreso, ĉeestita de 40 personoj. Rajtigitaj delegitoj reprezentis du trionojn el la societanoj. Oni aprobis la novan statuton kun kelkaj modifoj, decidis elekti ĉiujare ĉefgrupon kaj plialtigi la kotizajon. Ĉefa afero estis vivigi «Svisa Espero», en bonaj financaj kondiĉoj. S-ro Ed. Privat, kiel kutime, faris bonegan paroladon esperigantan gravan disvastigon de Esperanto.



## BULGARA ESPERANTISTA KONGRESO

La 24.an de Aŭgusto, en Sofio, okazis la jara kunveno de la Bulgara Esperanta Societo. 100 esperantistoj proksimume ĉeestis kaj donis tial al la kunveno kongresaspekton. Oni ornamis bele la grandan salonon de la Universitato kaj antaŭ la pordo flirtis du grandaj flagoj Esp. altirantaj atenton ĉies.

S-ro S. Petkov malfermis la Kongreson per parolado honoranta D-ron Zamenhof kaj mortintojn dum la milito. Post tiu ĉi parolado unuanime oni elektis S-ron G. Aktarĝiev Prezidanto de la Kongreso. Oni legis multajn telegramojn kaj diversajn demandojn diskutis.

Oni akceptis la raporton pri la agado de la societo aklame, kaj tuj oni elektis la novan komitaton: S-rojn Simeon Petkoo, St. Minkov, G. Atanasov, P. Kolev, R. Rojaĝiev, M. Georgiev kaj G. Gaŝevski.

Posttagmeze S-ro Ar. D. Atanasov paroladis pri la propagando esperanta dum la pasinto dum la nuntempo kaj dum la venonto; S-ro Minkov, sekretario, pri Socialismo kaj Esperanto, rekomendante plej aktivan kaj viglan propagandon.

Oni elmontris ankaŭ la neceson pliintensigi la laboron por la fortigo de la B. E. S. jam kalkulanta 420 membrojn; pritraktis pri redaktado de «Bulgara Esperantisto», organo oficiala de la societo, kaj decidis fari ĉion eblan por ke la ministroj de publika instruado kaj komerco enkonduku Esperanton en la lernejoj respektivaj.

La Kongroso decidis saluti la tutmondan Esperantistaron per U. E. A. kaj esprimis la deziron pri plej bona interkonatiĝo de la popoloj pere de Esperanto, por eviti estontaj hombuĉadoj.

La ĉefurba gazetaro tre favore raportis pri la Kongreso.



## DEKDUA KONGRESO DE LA ESPERANTISTA ASOCIO DE NORDA AMERIKO

Je Julio okazis la Dekdua Kongreso de la Esperantista Asocio de Norda Ameriko en Montrealo (Kanado).

El la Parolado ĉe la Vespera Manĝado Kongresa de A. P. Beauchemin.

«Por mi, la unua kaj la pli malnova esperantisto en Montrealo, la pioniro de la movado en Kanado, tiu ĉi tago estas unu el la plej belaj de mia vivo.

Kun kelkaj amikoj mi komencis, antaŭ preskaŭ dudek jaroj, la propagandon de Esperanto. Dum kelkaj jaroj ni kune laboris kaj laboradis fervore, entuziasme, kaj, mi povas prave diri, kun sufiĉe da sukceso.

Bedaŭrinde, pro diversaj kaŭzoj mia intereso en la esperanta demando malpliiĝis. Tamen, miaj sentoj estis ĉiam samaj, kaj mia koro doloris pri la ideo, ke, eble, la movado al kiu mi estis jam doninta tiom da zorgo baldaŭ mortiĝos. Dum tiuj malĝojaj jaroj, nur unu luma radio briladis en nia neklara ĉielo Montreala: la prezidanto de nia loka societo—S-ro Bardorf, por elparoli lian amikindan nomon—, ne perdis kuraĝon kaj senĉese klopodis kaj laboradis por disvastigi la karan ideon kaj restigi la flagon je la masto. Mi do deziras, en tiu ĉi granda okazo, proklami lian sindonemecon, kuraĝon kaj neŝanceligeblan kredon.

Tiu ĉi tago estas por mi tre feliĉiga, tial ke ĝi revarmigas malnovajn sentojn, revivigas karan revon kaj estintecon; plie, mi kredas, ke via alveno en nia urbo efektigos en la spiritoj de multe da niaj urbanoj, profundan kaj daŭreman impreson. Efektive, la ĉeestanteco tie ĉi de fremdaj, eminentuloj, kiuj sin faris apostoloj de Esperanto, pli faros en tri tagoj por konvinki la popolamason pri la demando Esperanta, ol faris nia predikado dum dek jaroj. Memoru vi, neniu estas profeto en sia lando!

Esperanto estas granda ideo; ĝi estas unu el la plej grandaj ideoj; ĝi estas unu el la plej grandaj progresoj iam faritaj en la homa societo; ĝi devis nature, necese, nepre pasadi tra la eksperimento de la suferado kaj ricevi la ridaĉojn de la malsaĝuloj, la malamon de tiuj kiuj eltiras profiton de la konfuzo de la lingvoj kaj kiuj superregas la popolojn per la dividoj kaj la malkonsentoj kiujn tio naskigas inter ili.

Mi antaŭvidas por tiu ideo, tamen en proksima estonteco, definitivan kaj plenan sukceson. La cirkonstancoj de la lastaj jaroj, kaj la progresoj realigitaj en la transportiloj kaj interkomunikiloj, kiuj disvolviĝas nune antaŭ niaj okuloj kun tiom granda rapideco, igas lingvon internacian pli necesa ol iam ĝi estis.

Esperanto elmontras ĉiutage pli siajn kvalitojn, sian valoron kaj sian perfektan eblecon por plenumi tiun grandan rolon.

Aliparte, aŭtoritato internacia jus estas kreita kiu povus, per la nura ago de sia volo devigi la civilizitan mondon akcepti komunan lingvon. Ĉu ni ne povas esperi ke la Ligo de Nacioj, komprenante ke la plej bona maniero por forigi la malkonsentojn ĉe la nacioj estas al ili doni interkomprenilon, baldaŭ proklamos la akcepton de Esperanto kaj ĝian instruadon en la lernejoj de ĉiuj landoj?

Se tio okazus, malmulte da jaroj poste, Esperanto estus komprenata kaj parolata de ĉiuj homoj, kaj la Babela Turo estus por ĉiam disbatita!

Se kiel mi esperas, mi vivos sufiĉe longe por tion vidi, tiam mi mortos kontenta.

## LA DEKDUA KONGRESO

Ankoraŭ unu fojon ni kunvenas,
Kaj kvankam ne multegaj estas ni,
Lojale La Aferon ni subtenas,
Kaj arde rededIĉas nin al ĝi.

Pri Esperanto, kiam el ĥaoso
Eliĝis ĝi ĉe Zamenhofa voko,
La Sorto diris: Iĝos ĝi koloso—
La tuta mondo estos ĝia loko.

Ĝi havas nun trionon de jarcenio;
Jam sole per enhava indo sia,
En ĉiu lando, ĉiu kontinento
Enradikiĝis helpa lingvo nia

Neniam penos homoj tro honori
La nomon de la Majstro, la fondinto;
Sukcesis li eltrovi kaj esplori
Irejon el la lingva labirinto.

Escepte de espero mankis ĉio
Al tiu reva, pia humilulo—
La Majstro—kies indo kaj genio.
Lin levis ĝis la rango de glorulo.

En kiaj cirkonstancoj horo morta
Tro frue je tre multaj jaroj venis
Al lia korpo ne sufiĉe forta
Por koro tia, kian ĝi entenis?

«Jam teni min ne povas mi facile!»
Ekkriis li. Noblulo agonia,
Kunsentaj koroj helpe kaj konsile
Subtenis vin en lasta horo via.

Laboris por utilo kaj la vero
La Majstro dum la provaj jaroj pasis;
Konscia pri sukceso de l' Afero
La vivan mondon fine li forlasis.

El lia vivo venu la inspiro!—
Ni iru vojon novan kaj esploran
Ĝis kiam ni per faro kaj per diro
Atingos Esperantan celon gloran!

*Hu T. Keyes*

---

Oni petas por ĉi tiu revuo raportet-on ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperantistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro *Julio Mangada Rosenörn,* Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.º 19. JACA (Huesça). Skribu klare sur unu sola flanko.

# TRA LA GAZETARO

## INTER NI. VARSOVIO, JULIO 1919

Jen la malplena brakseĝo en laborĉambro de nia plorata Majstro. Jen lia skribo tablo kun lastatempaj notoj, ĵetitaj sur paperon per tremanta mano. Ĉion ame konservas lia fidela vidvino. Ankaŭ ŝi, same kiel la kuŝanta paĝo nefinita, atestas pri tio, kio lin okupis ĝis lasta momento: *la interna ideo de Esperantismo.*

En tiu sanktejo vivadis homo pura, homo servema, kiu ĉiutage zorge flegadis okulojn de malriĉaj Hebreoj kaj post la plenumo de sia devo profesia, revenis al la celo de tuta sia pensado: ke homoj altiĝu super diferencoj naciaj kaj religiaj, ke ĉi tiujn ili ne plu akrigi per blinda netoleremo, sed, ke ili kontraŭe serĉadu zorge ĉion, kio povas unuigi; ke ili ekkomprenu fine ĉiun patriotismon kiel amon je parto el tutmondo, ĉiun religion kiel fidon je parto el plena vero, kaj tial respektu ceterajn krom sia por kunlaboradi sur komuna fundamento homara.

Sur la muroj jen fotografaĵoj el kongresoj, jen la tuta esperanta libraro sur bretoj ĉie plenŝarĝitaj, ĉe fenestro jen la kuracistaj instrumentoj, en ŝranko jen la kajeroj de lingvaj projektoj jam de 1881... ĉio premas la koron per emocio nerezistebla, sed ĉefa sento estas jena: En tiu laborĉambro, el tiuj paperoj kaj memoraĵoj iel regas super ĉio impresanta atmosfero de vera grandeco. Tie vivadis entute granda homo, granda per genio, sed ankaŭ granda morale.

Tian animon eĉ la morto ne povas mortigi. Ĝian eternan vivadon daŭrigas tiu atmosfero kaj ankaŭ la senmorta inspiro semita en miloj da koroj. Ĉirkaŭ la familia tablo sub sabatvespera lampo jen kuniĝis gefratoj de la Majstro per afabla aranĝo de S-ino Z. laŭ fidela kutimo. Jam kiel knabo li estis por ili, ne nur kara, sed eĉ iel sankta. Neniam en sia vivo li ofendis iun kaj al ĉiuj li estis nur ame servema kaj bona delikate: jen la ĉies atesto, eĉ de polaj servistinoj,

ĉar unu malnova nun preĝas sub portreto de D-ro Z. pendigita je l' muro flanke de la Kristokruco.

Al sindona gastema vidvino de nia Majstro mi dankas el tuta koro pro tiuj neforgeseblaj impresplenaj tagoj. Al ŝi mi transdiris pli ol unufoje la sentojn de l' Esperantistaro, samtempe nian doloron, nian simpation kaj ankaŭ nian esperon, sed ĉar nun la poŝto ekfunkcias kun restarigita pola ŝtato, ĉu ne venis la momento por ĉiuj grupoj kaj Esperantistoj al ŝi skribi tian leteron, kian ili ne povis sendi antaŭ du jaroj (1).—Edmond Privat.



Se ĉiu lando estus komunikanta siajn pensojn, siajn opiniojn per komuna lingvo facile akirota kaj komprenota de ĉiuj homoj, rapidege ni konvinkiĝus, ke ni estas fratoj kaj solvi facile la internaciajn aferojn.

*El «Itala Esperantisto».*



Nia lingvo ĉe la Konfederacia Kongreso de la C. G. T. en Lyon.

Ĉiuj zamenhofanoj devas ĝoji.

Okaze pritrakti reformojn pri instruado, oni rimarkigis nepran neceson por ke la estonta komitato pri tiu reformoj enkonduku Esperanton en ĝin, laŭ decido de antaŭa Kongreso okazinta je 1912 en la urbo *Havre*, decido favora je nia kara lingvo. Je la momento en kiu la raportanto parolis pri ĉi tio, 800 kongresanoj estis subskribantaj peton favoran je Esperanto. Jen la teksto proponita de dudeko da sindikatoj, el kiuj duonon apartenas al la instruado, teksto legita de la sekretario de la C. G. T. ĉe la kunveno de la 20.ª de Septembro lasta, kaj akceptita unuanime:

«La Kongreso,

»Konsideranta lingvon internacian grava kaj urĝa afero,

»Rememorigas la voĉdonon voĉdonitan unuanime de la Konfederacia Kongresa del' *Havre*, je 1912, kiu estis favora je Esperanto,

»Invitas ĉiujn membrojn de la sindikatoj lerni Esperanton, la sindikatojn kaj unuiĝojn organizi ĝian instruadon,

»Metas sur la Konfederacian Komitaton proponi Esperanton al la *Internacia Sindikataro*, kaj peti enskribi ĉi tiun aferon por la proksima Kongreso internacia.»

Esperantistoj ĝoju, car la plimulto el la kongresanoj akceptis nian lingvon kaj esperebla estas ĝia baldaŭa triumfo tial! Jouhaux. Monatte, Dumoulain kaj Lapierre sin deklaris entuziasmaj!

Ĉi tiu Kongreso vidigis nin, ke nia lingvo estas pli disvastigata ol ni mem estis supozantaj. Kaj vidigis al ĉiuj kongresanoj nepran neceson de Esperanto ĉar Marotto, sekretario ĝenerala de la Argentina Federacia Laborista, kaj Ondegeest, sekretario de la Internacia Sindikataro kaj prezidanto de la Nederlanda Konfederacio Laborista, estis devigataj paroli patrolingve.



La fama lingvisto A. Meillet, Profesoro ĉe la Franca Kolegio, Direktoro pri studoj ĉe la Lernejo pri Superaj Studoj, sin deklaras favora je internacia lingvo artifika kaj rimarkinde fundamentas sian deklaron.

«Artifika lingvo estas tre sufiĉe facila por ke oni ĝin akiros ĉe la elementaj lernejoj; ĝia instruado ne estos plu eksklusiva je dugradaj kaj superaj lernejoj, kiel tiu de tradiciaj lingvoj.»



La fama sindikatano Henri Barbusse aliĝas al la entrepreno por kaj pro helpa lingvo internacia, li aliĝas entuziasme, ĉar li sufiĉe

(1) Ŝia adreso estas: Królewska, 41, Varsovio. El «Esperanto» de U. E. A.

bone konscias, ke ĝia starigo estas gravega por la homa progreso, por la liberigo de la popoloj.



Jen letero de la fama franco Romain Rolland:

«Kara S-ro E. Adam.

»Mi kunsentas kun vi.

»Mi opinias, ke lingvo internacia estas absolute necesa, kaj mi ĉi tion diris per artikolo aperinta je Marto-Aprilo 1918 en la *Revue Politique Internacionale.*

»Je tiu momento, mi montris, ne elektante inter ambaŭ, la du lingvojn konkurantajn: Esperanton kaj Idon. Poste miaj preferoj alligiĝis al Esperanto, kiu malpli rigide kaj science perfekta ol Ido, estas multe pli fleksebla, pli varme nuanchava, pli viva, pli poezia.

»Mi ne scius, do, tro kuraĝigi vin en via propagando. Necese estas ke, en ĉiuj unugradaj lernejoj de Eŭropo, Esperanto estu instruata kaj altrudita. Sen tio, internacia repaciĝo, serioza kaj daŭra, ne povos esti.

»Por ke la popoloj *interkomprenu* sin reciproke, estas necese unue ke ili *aŭdu* unu la alian. Esperanto redonu la aŭdon al tiuj surduloj, el kiuj, ĉiu jam de jarcentoj, estas enkasteligita en sia lingvo.

Kore via *Romain Rolland.*

*El «Le Travailler Esperantiste».*



## EL PLEJ PROFUNDA DOLORO

Se serĉadas vi bonvolon,
Simpation kaj konsolon
En epoko de teruro—
Iru ne al la naturo.

Surda estas kamp' kaj tero
Sensentema je sufero,
La herbejo kaj la floro
Sen animo kaj sen koro.

Fera, frosta la ĉielo,
Sen kompato ĉiu stelo,
Ĉie vi restadas sola,
Malespera kaj izola.

La rivero kaj la maro,
La kreskajoj, la bestaro—
De l' estajoj longa ĉeno—
Ĉiam restos sen kompreno.

Sed—la homojn vi memoru,
Kun la homoj ĝoju, ploru!
Iru al la mizerulo
Kun la larmo en okulo.

Amu kore vian fraton,
Montru vi al li kompaton,
Donu mem al li (1)
Kaj vi trovos la konsolon.

MARIE HANKEL

El *Germana Esperantisto.*



## KANTOJ DE LA NORDO

### LA SKAJA BOATKANTANTO

(SKYE BOAT SONG)

Harold Boulton

Iru boat', kiel bird' en flugad'
El nia sabla kaj',
Portu la princon mem en irad'
Sur la ondar' al Ŝkaj'.

---

(1) Ni multe bedaŭras foreston de la fino ĉe la antaŭlasta verso de la grandanima kaj amata poetino, gloro kaj honoro de la Esperantistaro.

Bruas tondrad', blovas venteg',
Saltas la ondegar',
Haltas en tim' pro la muĝeg'
Nia malamikar'
Iru boat', k. t. p.

Ĉe la boat' muĝas la mar'
karlo (1) ne timis ĝin
Lia lulil' estos l'ondar'
Kaj Flora (2) gardos lin.
Iru boat', k. t. p.

Granda homar', plena de fort'
En la batalmaten',
Antaŭ vesper', jam en la mort'
Kuŝis sur Kuloden' (3)
Iru boat', k. t. p.

Ne staras plu nia hejmar'
Kaj dispeliĝis ni.
Tamen al ni, sia anar'
Karlo revenos li.
Iru boat', k. t. p.

Trad. AGNES B. DEANS

El *The Esperanto Monthly*.



## ĜOJEGA NOVAĴO POR LA BLINDULOJ

Preskaŭ tuj post la Kongreso en Liverpool venis tute neatendita helpo al la tutmonda blinda Esperantistaro. La ĉefkomitato de la Nacia Instituto por Blinduloj, Londono, unuanime dediĉis monsumon laŭbezone ĝis L. 250 al la subtenado de «Esperanta Ligilo», ĉiumonata tutmonda revuo por blinduloj eldonata de S-ro Thilander en Stockholm. La donaco ripetiĝos ĉiujare ĝis la ĉefkomitato decidis alie.

Jen la plej grava antaŭenpaŝo iam farita de ia asocio por la universala instruado de nevidulo j. Jen efektiva pacmonumento, ekzemplo sekvinda de ĉiu pacema nacio!

Ĉi tiu malavara donaco certigas la ĉiumonatan aperon de la «Ligilo» en tia financa pozicio, ke ĉiu povos legi ĝin, povos ricevi ekzempleron, eĉ se li ne povos malŝpari la malgrandan abonprezon. Esperanto, do, fariĝos utila al ĉiuj blinduloj, kiuj volas lerni ĝin; la plej efektiva propagandilo inter ili!

*Por profitigi la aferon* necesas, ke oni instruu la lingvon al kiel eble plej multaj inteligentaj blinduloj. Ili troviĝas en ĉiu urbo, kaj la legantaro de la B. E. povas antaŭenpuŝi la aferon, ŝercante lertajn blindulojn, kondukante ilin al grupkunvenoj kaj ĉiel interesante ilin pri Esperanto. Tion farante oni baldaŭ trovos, ke lerta blindulo ne apartenas al «suferanta klaso» sed ke li estas nur ordinara lertulo kiu ne vidas.

Mi mem bonvole helpos ĉiamaniere per korespondado aŭ al lernanta blindulo aŭ al instruanto, kiu sciigos min pri sia entrepreno. Oni povas pruntepreni amazon da Braille--skribitajn librojn ĉe la *National Library for the Blind*, 18, *Tufton Street*, *Westminster*, S. W. I kaj kelkaj lernolibroj troviĝas aĉeteblaj ĉe la *National Institute for the Blind*, 244, *Great Portland Street*, *London*, W. I. Pluajn detalojn mi volonte komunikos al iu interesitulo post la mezo de Septembro. W. Percy Merrick—*Voodleigh*, *Sheperton*.

El *The British Esperantist*.

(1) Princo Karlo Stuart.
(2) Flora Macdonald, amikino de la Princo.
(3) Culloden, kie la Jakobanoj estis venkitaj je 1745.

Ni bone atentigas grupojn kaj ĉiujn niajn hispanajn samideanojn partopreni la antaŭenpuŝon por esperantigi la blindulojn.

*The British Esperantist* aperigas opiniojn *pri la nomoj de lando*, vera diskutado pri *io*

por tiuj nomoj. Neniom ni diros, ĉar nia opinio jam aperis

Kiel aldonitaĵo akompanas ĉi tiun revuon «Kondiĉoj de la Armistico».



«Nia Folieto» ostas kvarpaĝa revueto maŝinskribita kaj monata, de la Genta Esperanta Grupo «La Progreso» (15, Place de l' Ecluse—*Gento*-Belgio), kiu vidigas entuziasmon grandan de Gentaj esperantistoj ĉar ni devas konscii ke ĝi aperas en Belgio, ke ĝi estas la fervora manifestacio *malgraŭ ĉio, spite ĉio*, de Esperantistoj el lando ruinigita de la milito, en kiu ĉio estas troege multekosta! Tamen ĝi kuraĝas malfermi *tutmondan literaturan konkurson*. Akompranas la unuan n-ron unu paĝa muzikverko, «Nova Sono». Po *Sep* respondkuponoj vi ĝin ricevos.

---

RIMARKIGO

Ĵus translokiĝis la presejo de ĉi tiu revuo; la nova adreso estas, strato SAN LUCAS, n-ro. 5, Madrid; ĉiuj devas atenti pri la anonco «Zamenhofa Federacio» por rilatoj kun ĉi tiu Federacio kaj ĝia oficiala organo.

---

# Triumfo de samideano

En la salono de la «Ateneo de Zaragozo» okaze la «Eksposicio de nespertaj pentristoj» Davido Maynar ludis notindegan fortepianan koncerton atingante grandan sukceson.

Davido Maynar estas, je siaj 16 jaroj, gloro de la aragona arto: potencas la muzikilon per sia mirinda ludmaniero kaj donas al la muzikverkoj, kiujn li ludas, ĉarman esprimadon.

Li studas nune la sesan abiturientan kurson ĉe la Zaragoza Instituto.

Sed krom tio, estas profesoro de Esperanto ĉe la esperanta Zaragoza societo «Frateco» kie nune klarigas kurson ĉeestata de granda nombro da lernantoj.

HISPANA ESPERANTISTO lin sendas amemán saluton, lin kuraĝigas batali, kaj havas, kiel propraĵn, ĉiujn liajn sukcesojn.

---

# Esperanta Movado Enlanda

*Jaca* (Huesca).—Post parolado de Komandanto Mangada en la societo «Unión Jacetana», oni malfermis kurson je la unuaj tagoj de Novembro; la kurso estas gvidata de S-ro Mangada kaj ĉeestata de tridek lernantoj kiuj rapide progresas.

*Huesca.*—La 15.an de Novembro, Komandanto Mangada, post publikigo de artikolaro pri Esperanto en la ĵurnalo «El Diario de Huesca», en la salonego de la Instituto Teknika, antikva universitato fondita de la romana generalo Sertorio, faris paroladon pri Esperanto. La du ĵurnaloj «El Porvenir» kaj «El Diario de Huesca» longege raportas pri la konfereuco kaj tial, ĉar mankas spaco, ni elĉerpas ion el tiuj raportoj por konigi al gelegantoj la gravan okazintaĵon:

«Pro la loko en kiu li parolis li komencis kanti la glorojn historiajn de la Aragona regno, lulilo de la civitanaj liberecoj.

»Plena je emocio kaj elokvente li kantis himnon al vera patrujamo, al sankta sento tute malsimila je ŝovinismo; al sento kiu devigas nin respekti kaj eĉ ami ceterajn patrujojn; sento fratiganta la homojn laŭ dia kaj natura ordono; sento tre bone konata kaj tre bone praktikata de la esperantistaro, tial ke por ĝin posedi bone estas necese

kompreni unu la alian kaj bone koni unula alian, ĉar nur tiel reciproka amo estas ebla, kaj feliĉe Esperanto estas ilo disbatanta la baron kiun starigis la diversaj idiomoj, ilo kuniganta la homojn frate, sola kapabla starigi la aŭgustan ordonon *amu unu la alian*.

»Per bela paragrafo li rimarkigas kiel Ernesto Renan antaŭdiris pri la jusa katastrofo ankoraŭ sangosuverŝanta Eŭropon, kaj kiel li diris, ke tiu katastrofo malaperigos la nunan civilización pro falsaj konceptoj pri nacio kaj patrujamo, kaj kiel Esperanto malaperigas tiujn falsajn konceptojn; rimarkigante ke se la esperantistaro estus decidinta pri la milito ĉi tiu ne estus okazinta.

»Li rimarkigas kiel la rilatoj inter la popoloj fariĝis plej oftaj iom post iom ĝis nun, kiam oni povas certigi ke la civilizacio estas rezultato de tiuj rilatoj; sed, ke la civilizacio ne faros gravan antaŭenpaŝon dum diversaj kaj malamikaj lingvoj regos la homaron. Tiel komprenante, de Renato Descartes en nian epokon, multaj eminentuloj sin dediĉis liveri al la homaro neŭtralan lingvon helpan kaj la triumfo estis por nia amata Majstro D-ro Zamenhof, kies idiomo suferadis dum 32 jaroj ĉiajn pruvojn, kaj kiun altrudas al ĉiuj popoloj la nunaj vivcirkonstancoj, ĉar oni ne povas elekti kaj oficialiĝi nacian lingvon ajn tial ke tia decido ekstarigus suspektojn, malamojn inter la popoloj; krom tio oni bezonas pli simplan kaj facile akireblan lingvon ne nur por la inteligentuloj kaj monpovuloj, sed ankaŭ por nekleruloj kaj humiluloj. ĉiuj bezonas facilan, simplan lingvon, ĉar rapideco de la nuntempa vivo tion postulas. Jen kial Esperanto estas akceptata kaj rekomendata de eminentuloj, ĉar ĝi respondas precize ĉiajn postulojn de l' penso; kaj por tion elpruvi li citis opiniojn de multaj eminentuloj el diversaj nacioj, decidojn de multaj artaj, sciencaj, literturaj, socialistaj k. c. kongresoj; decidojn de Ministroj el diversaj landoj pri enkonduko de Esperanto en lernejojn kaj militistaron; decidojn de gravaj societoj internaciaj kiel tiuj de la Paco, de la Evangelio, k. t. p.

»Li rimarkigis evidente. ĉar eĉ disdonis broŝurojn priskribantajn detale eksperimenton de *Eccles*, la gravan rolon pedagogian de Esperanto.

»Je la fino, li elmontris multenombrajn poŝtkartojn el ĉiuj landoj kaj same revuojn, kaj disdonis ŝlosilojn kun la fabelo de Hans Christian Andersen «La Malbela Anasido».

Diversfoje la aŭskultantaro interrompis la oratoron per emtuziasmaj aplaŭdadoj.»

Konsekvenco de la propagando farita estas ke oni petis al la Rektoro de la Universitato de Zaragozo permeson por malfermi kursojn en la Normala Lernejo por instruistoj, laŭ la reĝa ordono datumita je la 27.ª de Julio de 1811 (Oficiala Gazeto de la 15 de Aŭgusto de la sama jaro) de la Ministro de Publika Instruado; ke la Rektoro donis la permeson; ke oni malfermis tri kursojn, du por viroj kaj junuloj, kaj unu por fraŭlinoj; ke S-roj Maraury kaj Artigas gvidas la du unuajn, kaj la sperta nacia instruistino María Luisa G. Caamaño, la duan; ke la gelernantoj estas multenombraj kaj inter ili estas profesoroj de la Instituto kaj Normala Lernejo kaj la lernantoj de 3.ª kaj 4.ª kursoj de tiu ĉi institucio, grava afero tial ke tiuj lernantoj post unu kaj du jaroj estos naciaj instruistoj kaj povos enkonduki Esperanton en siaj lernejoj. Tiel granda estas la entuziasmo ke eĉ terkulturisto loĝanta en «Las Casetas» promesis ĉeesti ĉiutage la kurson spite la ĉiutaga piedirado kaj la rigora vetero de la aŭtuno kaj vintro. Antaŭen Esperantisloj!

La prezidanto de la Komerca Ĉambro ĉi tiea interesiĝis pri Esperanto kaj jus eklernis la lingvon; servo farita de la Delegito de U. E. A., S-ro Roberto Maraury, konvinkis lin kaj decidis tial lin, ke S-ro Maraury estis malferminta kurson oficiale kaj entrepreni alproksimiĝon al fremdaj Komercaj Ĉambroj por atingi oficialiĝon de Esperanto por komercaj interrilatoj. La Komerca Ĉambro eldonos cirkuleron pri efiko de Es-

peranto kaj por pli fundamente ĝin verki fremduloj kaj enlandanoj bonvolu sendi al S-ro Maraury (Placo de Santo Domingo, 8) kiel eble plej multajn kaj baldaŭajn informojn komercajn, raportojn, gazetojn, servojn faritajn k. t. p., k. t. p. Ĉi tiu cirkulero estos fundamenta alvoko por ceteraj hispanaj Komercaj Ĉambroj precipe. Lokaj jurnaloj konstante raportas pri Espeaanto.

*Korespondanto.*

*Madrido.*—Ĉe la jus okazihta Kongreso de la Nacia Konfederacio de Laboristoj (Sindikaiistoj la Federacio de Olot prezentis la jenan demandon: «Ĉu la laboristaro devos havi helpan lingvon internacian?»

La raportanto esprimis: «Konsideri nepre necese ke Esperanto devas esti la internacia lingvo por la laboristaj rilatoj kaj por la Internaciaj Kongresoj de la Laboristoj; ke pro tio kaj per tio, en ĉiuj lernejoj racionalistaj oni devas klarigi Esperanton; ke oni devas apogi morale kaj materie ĉiuj Grupojn Esperantistajn kiuj persekutas celon de la Konfederacio, rekomendi studon de Esperanto al ĉiuj laboristoj kaj ĉi tiujn interesigi akiri rapide la lingvon de Zamenhof. Ĉiuj laboristaj sindikatoj formantaj la Konfederacio malfermos kursojn esperantajn por siaj anoj.»

Post ne granda diskutado, ĉar iuj parolis favore je Ido, Esperanto venkis kaj oni voĉdonis la esprimojn de la raportanto. Antaŭen kamaradoj, la triumfo estas nia! Esperanto sukcesas pli kaj pli!

*Tarrasa.*—Post vigla propagando en la kinematografejoj per lumbildoj, Grupo «Lumon» malfermis kursojn en la sidejo kaj ĉe Ĥora Societo «Juventud Tarrasense» ĉeestata de 25 lernantoj, kiuj jam fariĝis adeptoj al nia sankta kaŭzo. En loka gazeto aperis artikolon «Esperanto kaj Komerco» kiu estis legata de multaj tarrasanoj. Citinda estas la servo sukcesinta de ĉi tiea Delegito de U. E. A., S-ro Chaler farita al grava ŝtoffabrikejo «Pascual y Cortés» el Tarrasa kiu mendis, pere de la Delegito, fabrikajon al Stockolm valorita je 35.000 pesetoj. Aten tu komercistoj, industriistoj kaj komprenu utilecon de Esperanto!—*Korespondanto.*

*Barcelono.*—Ĉe la esperanta societo «Barcelona Stelo» kaj en ĝia nova sidejo—Marqués del Duero, 101—okazis la 11.an de Oktobro frata toastado por honori ĝian anon, S-ron Jako Grau Cases, kiu gajnis la naturan floron en la sepaj internaciaj florludoj okazintaj en la kataluna urbo Manlleu. Multenombraj gesamideanoj elmontris sian simpation al la honorito.

S-roj Sorolla (prezidanto de la societo), Canales (prezidanto de «Nova Sento»), Piñol (delegito de «Zamenhofa Federacio» kaj de U. E. A.), Salas (je la nomo de «Libereco kaj Kulturo), Serrat, Rey kaj Graŭ (Jozefo), parolis pri la okazintajo kaj pro kaj por Esperanto. Fine la honorito dankis la ĉeestantaron. Poste estis dancado kaj je la 3.a matene finiĝis la agrabla fratiga festo.

Kun eksterordinara sukceso malfermis kursojn la 15.an de Oktobro la jenaj esperantaj societoj:

«Aŭroro».—Laforja, 225. Lundoj, merkredoj kaj vendredoj de la 9.a ĝis la 10.a vespere.

«Barcelona Stelo».—Marqués del Duero, 101. Samaj tagoj kaj horoj.

«Ĉiam Antaŭen».—Xifré, 25 (Clot). Same.

«Esperantaj Kantistoj».—Baja San Pedro, 55. Same.

«Esperanta Juneco». - Nueva San Francisco, 11-13. Same.

«Libereco kaj Kulturo».—Mercaders, 25. Same.

«La Metiisto».—Travosía San Antonio, 12-18. Same.

«Nova Sento».—Enna, 156. Je la samaj tagoj, 9 1|2 ĝis 10 1|2.

«Paco kaj Amo».—Asturias, 1. Same kiel la unuaj.

«Tradicia Centro».—Correo Viejo, 5. Mardoj, jaŭdoj kaj sabatoj, de la 8.a ĝis la 9.a vesoere.

Kun plezuro mi rimarkigas la grandan nombron da lernantoj kaj tio ĉi elpruvas ke

nia esperanta agado en Barcelono de nove estas serioza kaj grava. *Ni kuraĝiĝu ĉar venis nia tempo! Kuraĝiĝu ĉie gesamideanoj! Ne laciĝu en laŭora paco, kiel diris la karega Majstro.*—*Piñol.*

La 17.an de Septembro okazis la ĉiuduonjara kunveno de «Nova Sento» kiun oni prokrastis pro nefavoraj cirkonstancoj.

Oni elektis la jenan komitaton: Prez., S-ro P. Martínez; Vicprez., S-ro J. Pujol; Sek., S-ro E. Gili; Vicsek., S-ro J. Mesegner; Kas., S-ro S. Vives; Kalk., S-ro M. Gil; Monkolek., S-ro I. Bolós; Voĉdonantoj, S-roj F. Pérez, J. Klaramunt, la unua delegito por la barcelona grupkunveno kaj la lasta reprezentanto de la Grupo ĉe Zamenhofa Federacio.

Oni faris gravan planon pri ekskursoj, festoj kaj precipe pri intensa propagando ĉe speciala kampo, pri kiu oportunatempe oni priraportos.

S-ro Bolós kaj Claramunt sukcese komencis kursojn. Nia esperanta movado en Barcelono forte, entuziasme kaj firme revekiĝas, kaj ĉiuj devas ĝoji, tial ke dank' al konstanta agado dum milittempo de nur kvar Grupoj, milittempo neniel favora por nia sankta afero, ĵus fondiĝis ses novaj anaroj, kaj restarigo de «Fajro», grava societo, okazos. Jam ni estas dekdu de nove sur la batalkampo por la Paco, kaj ĉiuj entuziasme flagrigas la verdan flagon de tutmonda harmonio. Antaŭen kamaradoj!.—*Jako.*

*Jerez.*—Ĉi tiea ĵus naskita grupo bone sukcesas. Ĝi eldonis cirkuleron gravan pri Esperanto rimarkigantan utilecon de Esperanto por komercistoj, industriistoj, k. c.; proponantan senpagajn servojn pere de U. E. A. kaj instrui Esperanton senpage. La cirkulero estas interesplena kaj konvinkanta.

Ĵus en la Grupo okazis ekzamenoj pri Esperanto kaj la ekzamenitoj, kiuj bonege sukcesis ricevis kiel premiojn instruantajn donacaĵojn. Ankaŭ estis ekzamenoj pri elementalaj konoj pri hispana gramatiko aplikota al Esperanto.

Ni ĝojas komunikante al la kamaradoj de Esperantujo, ke en ĉi tiu urbo entuziasme ni laboras ĉar ni konscias ke terurajoj okazintaj spertigis ĉiujn por senlace kunlaboradi kaj starigi la homan fratecon plenan, kiun ni nur atingos pere de Esperanto.

*P. Naranjo.*

## EKSTERLANDA

*Ĉilio. Santiago.*—Post la eŭropa milito revekiĝis grava esperanta movado en ĉi tiu urbo dank' al konstanta agado de la *Sociedad Juventud Esperantista.* La lastaj kursoj neatendite sukcesis. Ĉiujn, kiuj deziros interŝanĝojn ĉiajn povas sin turni al tiu Societo, aŭ al ĝia Sekretario, S-ro Armando Castillo. *3, Santiago, 3.*

*Portugalujo.*—Obstine la portugalaj Esperantistoj penas apud la Registaro por la enkonduko de Esperanto en oficialaj kursojn, kaj ni devas konsenti ke ili ĉiam trafas la celon.

Apogata de la Polickomandanto kurso por policistoj estas gvidata de nia samideano Saldanha Carreira kun 53 matrikulistoj.

Fine samideano lecionas praktike pri la monumentoj kaj muzeoj kaj vizitante la stacidomojn kaj ŝipkajojn tre profite. Tio estas samtempe instruo kaj propagandigo. La lasta vizito estas estinta al la Zoologia Ĝardeno.

Saldanha Carreira ankaŭ estas nomita profesoro de la oficiala lernejo *Escola Comercial Ferreira Borges*, laŭ dekreto presinta en la «Registara Tagĵurnalo», subskribita de la Ministro de la Komerco S-ro Ernesto Navarro.

La ĝenerala Direktoro de la komerca kaj Industria Instruado S-ro Alvaro Coelho tute apogas la Esperantan Ideon.

La supredirita kurso malfermiĝis kun 128 gematrikulitoj kaj estas kvinuoonata.

Diversaj asocioj estas varmo laborantaj pri la afero.

Komisiono konsistanta el la direktantaro

de diversaj aliris persone al la ĉefaj ĵurnaloj petante ilin la plej grandan apogon kaj intereson.

Ili tute konsentis. S-ro Pires Barreira daŭrigas sian kurson ĉe la socialistoj. La «Portugala Esperantista Socialista Asocio» kiel eble plej fortiĝas.

Je la datreveno de Zamonhof, de nia ĉiam memorinda Majstro, ĉitiu Asocio festis per teatraĵoj kaj per inaŭguro de portreto de Zamenhof la daton. Ĥoro de gejunuloj kantis agorde la Ĥimnon kaj Saldanha Carreira parolis poste pri *Du saŭdadaj vortoj*. La konata socialisto Graça diris varmajn vortojn pri la okazantaĵo.

Nia fervora samideano *Luzo Bemaldo* dediĉis soneton al la *Portugala Socialisto* kaj laŭ invito momenta, li mem legis al la ĉeestantaro sian verkaĵon.

La *Lisbona Societo* preparas belan feston kiu okazos la prokaiman januaron. Tiu kunsido devos esti prezidota de la lerta kuracistino D-ro Adelaide Cabette.

Baldaŭ grupo de societanoj de la Societo de Geografio de Lisbono malfernos Centron Esperantistan en tiu-ĉi tre grava Societo.

Ankaŭ okaze de la naskiĝdato de Zamenhof kaj pri la vivo kaj homamo, Saldanha Carreira faris paroladon al la policistaro, kiu al tio estis invitita de policatagordo.

La laborista asocio «Fratiga Stelo» fariĝas tre grava; ĝi havas jam pli ol 300 membroj. Ili tre lerte propagandas en nia urbo kaj ankaŭ en la tuta provinco.

La «Flegista Asocio» daŭrigas volonte ĝiajn klopodojn.

La «Verda Stelo» kiel eble plej grande disvolviĝas.

La Revuo «Portugal Comercial e Industrial malfermis esperantan fakon.

La «Esperantista Agentejo Silva o Carreira L.da» ĉiam laboras propagande kaj preskaŭ tute korespondas Esperanto. Ĝi eldonis kelkajn tre interesajn poŝtkartojn kaj belajn kolektojn de esperantaj artmarkoj.

---

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

---

Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid